# Esperanto

# en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

N-ro 76
Bulteno de KAEM
Julio 2012

-------------------------------------------------------------------

## Sinsekvos Kongresoj en Azio

### La 45a ILEI-Konferenco

la 20a de julio – la 26a de julio 2012, Kunming en suda Ĉinio

*ILEI = Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj.

### La 97-a Universala Kongreso de Esperanto

la 28a de julio – la 4a de aŭgusto 2012, Hanojo - Vjetnamio

### Internacia Infana Kongreseto

IIK-o okazos paralele kun la Universala Kongreso. En ĝi partoprenos E-parolantaj infanoj - kutime kelkdek.

### La 68a Internacia Junulara Kongreso

la 5a de aŭgusto – la 11a de aŭgusto, Hanojo - Vjetnamio

**KAEM-kunsido kaj Azia Agado**

Dum la UK okazos KAEM-kunsido kaj Azia Agado. En la KAEM-kunsido ni diskutos pri la sukcesigo de la 7a Azia Kongreso en Israelo kaj la nova konsisto de la estraro. En Azia Agado, en kiu kongresanoj partoprenos, okazos raportoj kaj diskutoj.




# Vjetnamio preparas por UK-97 kaj IJK-68

Ekde la komenco de 2012, Vjetnamia Esperanto-Asocio (VEA) rapide sin preparis por UK-97.

La administraj aferoj estis plenumitaj akurate kaj rapide. Ĉiutage, la ĉefaj oficistoj de la Asocio, kiuj ankaŭ estas la membroj de Loka Kongresa Komitato (LKK) regule provis havigi al si la gvidadon de la Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj (VUAO) kaj la prizorgan kaj efikan apogon de la Hanoja Unio de Amikecaj Organizoj (HUAO).

Krom la preparado por UK-97 fare de VEA, la Vjetnama Esperantista Junulara Organizo (VEJO) ankaŭ tumulte sin preparis por la 68-a Internacia Junulara Kongreso de Esperanto (IJK-68).

La plej persistema kaj temporaba tasko estas la trejnado de volontuloj. La klasoj komenciĝis en la lerneja jaro 2011-2012. Tiam la Konstanta Kongresa Sekretario (KKS), s-ro Clay Magalhaes

okaze de sia laboro en Vjetnamio vizitis la klasojn. La studentoj ankoraŭ ne kapablis konversacii. Sed en majo 2012, kiam Clay revenis kaj vizitis ĉi tiujn klasojn, la studentoj kapablis konversacii tute flue. La KKS entuziasmiĝis kaj gratulis la studentojn, kaj tute kredas, ke ili kapablos plenumi sian taskon.

Reprezentanto de la Unio de VUAO havos prelegon kadre de UK-97 pri Vjetnamio survoje al renoviĝo, integriĝo kaj landa konstruado.

En ajna UK, Movada Foiro estas nemalhavebla aktiveco de la landoj havantaj partoprenantojn. Tio estas okazo por la esperantistoj diskonigi la movadon de sia lando. Partopreninte en la pasintaj UK-oj en aliaj landoj, la vjetnama delegacio ĉiam aktivadis en Movada Foiro. Ĉi-jare, kiel la gastiganta lando, Vjetnamio des pli per ĉiuj fortoj klopodas fari la plej bonan por tiu foiro. Sperta homo, kiu multfoje partoprenis UK-ojn estis komisiita respondeci pri tiu afero. Menciindas, ke responde al la alvoko de UEA pri Projekto Esperanto 125, en la ĉi-jara Movada Foiro, estos prezentita KD pri "Vjetnamio en Bildoj", kolekto de 125 artikoloj pri Vjetnamio sub ĉiuj anguloj, kaj la vjetnama versio de La Unua Libro de L.L. Zamenhof, ĵus tradukita kaj sendita al Bjalistoko por ekspozicio.

En kunlaboro kun edukado.net, perreta kurso pri "Kultura Vojaĝo al Vjetnamio" estas finkompilita, celante diskonigi Vjetnamion al interesuloj, tiuj kiuj partoprenos en la UK kaj ankaŭ tiuj, kiuj ne havas eblecon partopreni.

Du junulinoj partoprenas en la RITE-kursaro de edukado.net, post kompletigo de la lecionoj, ili fariĝos la unuaj vjetnamaj instruistoj de Esperanto havantaj internacian pedagogian diplomon. Ĉiam kadre de instruado de Esperanto, naŭ vjetnamoj aliĝis al ILEI.

Malsame ol la antaŭaj UK-oj, UK-97 inkluzivos tutan programon nomitan "Tago de Vjetnamio", permesante al la gastiganta lando prezenti sian landon, sian popolon, siajn kutimojn kaj morojn, sian kulturon kaj arton. En la "Tago de Vjetnamio" estos solena ceremonio por transdoni Memormedalon "Por paco kaj amikeco inter la popoloj" al pluraj esperantistoj, kiuj faris grandajn

kontribuojn al nia movado.

Kadre de la 97-a UK aperos la Esperanta poemromano “Rakonto pri Kjeŭ” tradukita de Le Cao Phan kaj redaktita de famaj internaciaj esperantistoj. Tiu verko estas la 47a libro en la “Serio Oriento-Okcidento” de UEA, kolekto, kiu grupigas la plej valorajn verkojn de la monda esperantistaro. Tio ankaŭ estas “verko por bonvenigi la 97-an UK-on”.

Multaj folkloraj artaj programoj fare de profesiaj artistoj kaj studentoj estos prezentitaj dum la Kongreso.

Prezentado de *aŭzaj*-o -vjetnama longa robo- estos farita dum Kleriga Lundo, unu el la plej gravaj programoj de UEA. Post spektado de la prezentado, la ĉeestantaro povos mendi surlokan tajloradon. La finpretigita robo estos liverita post 24 aŭ 48 horoj.

Multaj rustikaj manĝaĵoj estos prezentitaj ĉe la "Kampara bazaro” riĉa je popola karaktero. Kamparaj ludiloj kiel *toheo* (statuetoj el rizfaruno), bambuaj libeloj, kaj ankaŭ memoraĵoj estos venditaj dum la kongreso.

Kelkaj vjetnamaj esperantistoj ankaŭ prelegos pri diversaj temoj kiel "Onklo Ho kaj Esperanto"; "Medicinaj Plantoj de Vjetnamio"; "Esperantigo de personaj nomoj kaj de lokoj” Kaze de Vjetnamio; "Vegetarismo estas ne nur dieto sed ankaŭ plezuro kaj arto" (ilustrita de fotoj kaj artefaktoj. Post la prelego, la aŭskultantaro estos invitita senpage gustumi surloke diversajn vegetarajn manĝaĵojn).

En la UK okazos ankaŭ 4 lecionoj de vjetnama lingvo fare de iama volontulo de la IJK-63 (2007) kaj de helpanto-volontulo de UK-97. Naŭ junaj vjetnamoj kandidatiĝis por pasi KER-ekzamenon diversnivelajn (B1-B2 kaj C1 laŭ la Komuna Eŭropa Referenckadro) kaj 3 junuloj subskribis por la Oratora Konkurso. Temas pri internacia ekzameno, en kiu tiom multe da vjetnamoj partoprenos.

En la programo de la Kongreso estos Junulara programo, en kiu vjetnamaj junuloj kontribuos per originaj ludoj kiel “Ludo de Mandareno-Kesto”, “Ŝnursaltado”.

Speciale dum IJK-68 estos dutaga tendaro kun tendofajro. Tiu aktiveco certe donos profundan impreson ĉe la internaciaj amikoj.

Informo: La Informada Komisiono de VEA

## "Kampara Bazaro" Malfermos dum la UK

Por doni belan etoson de Vjetnamio, junuloj planas organizi Kamparan Bazaron. Jen estas ilia prepara kajero. Vi povas imagi, kia ĝi estas kaj kiel riĉa la kulturo. Nepre partoprenu en ĝi la kongresanoj!

**1/ Necesaĵoj:**

- 6 budoj kovritaj de pajlaĵo aŭ palmfolio-konusĉapelo
- 5 bambuaj tabloj kaj 10 ujoj
- barako, en kiu oni vestas sin per vjetnama tradicia vestaĵo por fotado.
- Vendistinoj devige surmetas tradician vilaĝanan robon kun kvar baskoj kaj vendistoj portas aŭ brunan vestaĵon aŭ tunikon el nigra gazo. Ĉiuj portas nelakitajn lignoŝuojn.
- 22 gejunuloj servas kiel vendistoj kaj partoprenas en ludoj.

**2/ Budoj, kie vendiĝas:**

- Verda teo (el teo-folioj), arakid-bombonoj, rizo-krakkuko, fruktoj maceritaj en miksaĵo de vinagro, sukero, salo kaj pimento, rostita maiz-grajno
- Sukerkukoj el frumatura verdrizo, bananoj
- Rizsupo de verda fazeolo manĝata kun fritata soja fromaĝo kovrita per cepo kun salitaj melongenetoj aŭ kun sukero
- Salato "nem" (porko-orelo, vermiĉelo, aroma herbo volvitaj en pastofolio), rostitaj maizgrajno, kuko el glurizo-faruno
- Koagulita sojo-lakto, sukera supo de nigra sojfabo, verda fazeolo aŭ lotuso-grajno
- Rizbuloj manĝataj kun sezamo (sezamo miksita kun salo, rostita kaj pistita), porkŝinketo, kradrostita pasteĉo aŭ

pemikano
- Infanludiloj en diversaj formoj (bestoj, floroj, homoj) el kolorigita rizpasto
- Bildoj el Dong Ho kaj memoraĵoj
- Speciale ĉeestos vilaĝa instruisto (kaligrafiisto), kiu skribos belajn vjetnamajn tradiciajn literojn.

**3/ Ludoj:**

- Irado per stilzoj, kurado per tri kruroj, saltado kun kruroj en sako, kantado

**4/ Notoj:**

- Vizitantoj pagas 250.000 dongojn aŭ 12.5 usonajn dolarojn por enirbileto. Tio estas ilia kontribuo al la elspezo pri organizado kaj manĝaĵoj
- Ili gustumas senpage vjetnamajn popolmanĝaĵojn kaj ĉiu ricevas kiel memoraĵojn sian foton en vjetnama tradicia vestaĵo kaj unu ludilon.

## Ĝemeliga ceremonio inter Dong Da (Hanojo) kaj Choisy-le-Roi (Val-de-Marne – Francujo)

Vendrede, la 18-an de majo, Vjetnama Esperanto-Asocio (VEA) aranĝis la ĝemeligan ceremonion inter esperantistoj de Dong Da distrikto (Hanojo) kaj de Choisy-le-Roi (Val-de-Marne, Francujo).

Kvankam ĝi enskribiĝas en la kadro de la Esperanto-125 projekto (sekcio 4.5.2 de nia plano), fakte ĝi estis elpensita ekde 2008, pere de korespondado inter esperantistoj de ambaŭ lokoj. S-ro Sebastian Carrez (forpasinta), tiam prezidanto de Esperanta Asocio "La Verda Stelo 94" de Val-de-Marne jam metis la unuan brikon por tia aktiveco.

Je historia vidpunkto, Val-de-Marne ĝenerale kaj Choisy-le-Roi aparte, bonvene gastigis la delegacion de Sud-Vjetnama Provizora Revolucia Registaro en la jaroj de Pariza konferenco.

Nuntempe, laŭ oficiala decido de Hanojo kaj Val-de-Marne, Dong Da distrikto (Hanojo) ĝemeliĝis kun Choisy-le-Roi (Val-de-Marne). Ĉiujare, oficiuloj de ambaŭ lokoj vizitis unu la alian kaj reciproke donacis memoraĵojn. Nun, la esperantistoj de ĉi tiuj lokoj ankaŭ ĝemeliĝas, ilia aktiveco estas konkreta manifestado de popola diplomatio de nia lando, per la uzo de Esperanto, lingvo de solidareco, amikeco, paco, egaleco inter la popoloj.

Partoprenis en la ceremonio Prezidanto, Vicprezidanto kaj Ĝenerala sekretario de VEA, Vicprezidanto de HANEA; ne nur esperantistoj de Dong Da sed ankaŭ esperantistoj, kiuj interesiĝas pri tiu aktiveco. La ceremonio okazis simple kaj intime. S-ro Nguyen Xuan Thu, kiu ekde 2008 ĝis nun, regule konservis kaj evoluigis duflankajn rilatojn, raportis pri la rilato inter Hanojo kaj Choisy-le-Roi. La rimarkinda afero estas, ke s-ino Thérèse Sabatier, aktuala prezidanto de la "La Verda Stelo 94" Val-de-Marne, kvar jarojn antaŭe vizitis Hanojon, kontaktis kun hanojaj esperantistoj. S-ro Nguyen Van Ha, komitatano de VEA kaj de HANEA, memorigis aŭskultantaron pri ŝia vizito kaj ŝiaj donacoj.

Laŭ s-ro Nguyen Van Loi, prezidanto de VEA, la ĝemeliĝo de ambaŭ lokaj esperantistoj estas signifoplena en diplomatio kaj en la aktivecoj de nia Asocio; li substrekis, ke ĉi-afero estas ne nur aktiveco de la du lokaj individuaj esperantistoj, sed ankaŭ de hanojaj esperantistoj ĝenerale; oni devas daŭrigi, plifortigi tiun ĉi rilaton. Esperantistoj devus esti en regula kontakto, la interreto tre oportunas por ĉi tiu tipo de aktiveco.

Popola Komitato de Dong Da distrikto pruntis al ni la libron "Choisy-le-Roi", -donaco de la delegacio de Choisy-le-Roi dum ilia vizito al Vjetnamio en 2011-; ĉiuj kunsidantoj interese ĝin legis.

La ceremonio pliigis la ligilon de solidareco ne nur inter ambaŭ lokaj esperantistoj, sed ankaŭ aldonas novan dimension al Esperanto kiel pontolingvo. La esperantistoj sendis leteron al tiuj de Choisy-le-Roi. Samkiel aliaj kunvenoj, memoriga foto finigis la ceremonion.

La Informada Komisiono de VEA

## Memormedalo por Paco kaj Amikeco inter la Popoloj

s-ro Hori Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
s-ino Katalin Kovats <katalin.kovats@gmail.com>
s-ro Baldur Ragnarsson <esp@mh.is>
s-ro Saiki Akira <esperakira@nov.email.ne.jp>
s-ino Franciska Toubale <fran14@bigpond.net.au>
s-ino Usuda Reiko" <deziraspacon@gmail.com>

Mi estas komisiita de Prezidanto de VEA oficiale anonci al vi, ke responde al la propono de VEA, la Prezidanto de Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj (VUAO) ĵus subskribis decidon aljuĝi al vi, okaze de la 97a Universala Kongreso de Esperanto, la "Memormedalon Por Paco kaj Amikeco inter la Popoloj" pro via altvalora kontribuo al la plifirmigo de amikecaj rilatoj kun Vjetnamio dum la pasintaj jaroj.

La transdono de Memormedalo okazos tuj post inaŭgura ceremonio de Tago de Vjetnamio, je la 13:00 dimanĉe la 29an de julio 2012, kiel anoncota en la Kongresa Libro. Via ĉeesto en la ceremonio estos granda honoro por ni.

Ennome de Vjetnama Esperanto-Asocio
Nguyen Xuan Thu <autuno32@gmail.com>

# Koreio

## Ekzameniĝis al UEA-ekzameno en sia loko

Dank' al la plano de UEA, oni povis havi facilan ŝancon ekzameniĝi en sia loko pri UEA-Esperanto-ekzameno. Fina statistiko pri la UEA-ITK KER-ekzameno diras, ke la tutmonda ekzameno okazis en 29 lokoj kaj 356 aliĝis. Urbo Busan povis okazigi la ekzamenon kun 6 aliĝintoj kaj de aliaj urboj venis 6 homoj plu. Ricevinte la ekzamenpaperojn, ĉiu estis embarasita pro ĝia malfacileco. Tamen oni havis grandan fieron pro tio, ke ili aliĝas al la vere aŭtoritata ekzameno de UEA.




**Post la unua KER ekzameno en Koreio**

Oni konsentis, ke ĉiu aliĝu ankaŭ en la venonta jaro al nivelo pli alta kaj sendis leteron al respondeculo de la ekzameno por ke ankaŭ parola sesio okazu en ilia loko. Senrilate al la rezulto, tiun nokton ili festis, reciproke kuraĝigis kaj diskutis pri Esperanto-edukado en Koreio. Ordinare oni timas ekzamenon, sed la ekzamenitoj rimarkis la neceson pli fortikigi la ekzamen-sistemon de Korea Esperantujo.

Bonega novaĵo atingis, ke ĉiuj aliĝintoj sukcese trapasis la ekzamenon. Klare videblas, ke en la venonta fojo pli multiĝos aliĝontoj, kiuj havas pli da intereso pri sinpreparado por Esperanto-movado.

## Reaperigi la unuan Esperanto-Kurson en Koreio

Antaŭ 92 jaroj okazis la unua Esperanto-kurso en Koreio. La kurso estis gvidita de sinjoro Verda Kim, fama literaturisto. Li lernis Esperanton en 1916, kiam li studis en Tokio, Japanio. Reveninte hejmlanden, Li eksemis ĝin kaj en la 21a de julio 1920 faris la unuan publikan kurson en Seulo. Kiel unu agadon de "Projekto 125", Seula Esperanto-Societo (Estro: s-ino Elstara) rememorigas tiun unuan enkondukon en Koreion per okazigo de civitana kurso en la sama dato.

Esperantistoj venis kun siaj konatoj. S-ro Nema (Vicprezidanto

de KEA) prezentis fundan kialon de naskiĝo de Esperanto kun rakonto pri la vivo de Zamenhof. Prezentante, kion celis niaj pioniraj esperantistoj, li akcentis la rolon kaj vokitecon de nuntempaj esperantistoj. S-ro Ŝlosilo (Seula Esperanto-Kulturcentro) montris provprezenton antaŭ publiko. En tridek minutoj li klare montris la regulojn de la lingvo kaj ŝaltis Skajpon. Kelkaj fremdlandaj esperantistoj estis invititaj kaj donis salutvortojn al la publiko.

La civitana kurso rimarkigis al ni, ke Esperanto disvastiĝis ankaŭ en Koreion dank' al pioniraj semantoj kaj nun ni ricevas la vokitecon de Esperanto.

## Subteni Afrikon per Justa Komerco

Komerca teamo 'Justao' estas unu parto de agadoj de grupo 'Paca Solidareco de Esperanto'. Justao celas al justa komercado por alilandanoj, precipe de Afriko. Justao enlande kolektas malnovajn vestojn, komputilojn kaj aŭtojn kaj translokigas ilin al helpobezonaj landoj. Justao aĉetas produktaĵojn manlaborajn de la landoj kaj disvendas en Koreio anstataŭ la metiaj korporacioj. En tiu ĉi jaro ili kolektadis malnovajn vestojn de diversaj lokoj kaj venadis kestoj da vestoj kaj ŝuoj. Nun unu kontenero da aĵoj estas preparita. Fine por esti subtenita por sendomono je 3,000 dolaroj per ŝipo, ili turnis sin al portala servo 'Daum', kiu estas unu el la grandaj interretaj servoj. Kiam ili sukcesas gajni subskribojn de 500 homoj en unu monato por la bona projekto, la reta servo 'Daum' helpos ilin per publika monkolektado.

Kontakpersono: Kara AN (kara12345@gmail.com).

Retejo: http://solidareco.cafe24.com/

# Irano

## IREA malfermas fenestreton al sia nesto en Interreto!

La manko de ampleksa retpaĝaro por aludi diversajn temojn pri la Esperanto-Movado en Irano ĉiam estis sentata. Ŝajnas, ke tiu sento nun povas esti forlasita kaj oni facile kaj simple trovas ĉiujn informojn pri la Movado, Landa Asocio, kaj la lingvo ĝenerale en tiu ĉi retpaĝaro. La adreso ne estas longa kaj malfacila por memori: www.espero.ir.

La paĝaro konsistas el du ĉefaj apartaj sistemoj: Persa kaj

Esperanto. Ni fokusis ĉefe al la Esperant-lingva enhavo kaj ĝuste pro tio la unua paĝo estas tute en Esperanto kun ligo al persa parto. La kialo por tiu ĉi aranĝo estis ke ni montru nian agadon praktike kaj instigi ĉiujn al la lernado de la lingvo. Krome, ni celis montri nian asocion al la Esperanto-komunumo tra la tuta mondo. Pers-lingvanoj kiuj ne scias Esperanton, trovos ligon al la persa retpaĝaro en kiu ili havos atingon al informoj pri la lingvo mem, pri la asocio, lastaj novaĵoj, kaj lern-materialo. La paĝaro nun estas en komenca fazo kaj ankoraŭ bezonas multegon da laboro por atingi stabilan kaj pli-perfektan aspekton, tamen ĝi meritas vian viziton kaj reagon. Skribu al: info@espero.ir

Hamzeh Shafiee" <hamzeho@gmail.com>

# Ĉinio

## Esperanto en la internacia festivalo de la 15-a Mezlernejo en Zaozhuang

La 18-an de aprilo okazis malferma ceremonio de la Unua Internacia Festivalo de la 15-a Mezlernejo en la urbo Zaozhuang de la provinco Shandong en orienta Ĉinio. En la ceremonio partoprenis pli ol 2 mil lernantoj. Laŭ la invito, en la festivalo partoprenis ankaŭ samideanoj el aliaj lokoj de Ĉinio, Nepalo kaj Koreio. Samideano Alinka el Nepalo kantis kanton en la nepala lingvo kaj faris parolon en Esperanto. En la ceremonio la parolon faris ankaŭ s-ro Deng Qi, estro de la lernejo, samideano Woon Hyunjoo, s-ino Bayan, vicprezidantino de la Zaozhuang-a Esperanto-Asocio kaj samideano Yang Song, ĝenerala sekretario de la Shandong-a Esperanta Junulara Organizo (SEJO).

Post la ceremonio la lernejo organizos grupojn por lernado de fremdaj lingvoj, inkluzive de Esperanto. Samideano Alinka kaj membroj de SEJO instruos nian lingvon al la grupanoj. Laŭ la plano la lernejo volas ĝemeliĝi kun lernejoj en aliaj landoj pere de Esperanto.

(Sun Mingxiao)

# Okazis en Pekino kunsido por preparo de la Internacia Esperanto-Muzeo de Zaozhuang-a Universitato

La 7-an de majo okazis en Pekino kunsido por prepari la Internacian Esperanto-Muzeon, kiu laŭplane fondiĝos en la Zaozhuang-a Universitato en la venonta jaro. La kunvenon prezidis Zhao Jun, vicĉefredaktoro de El Popola Ĉinio. Ĝin ĉeestis Chen Haosu, prezidanto de la Ĉina Esperanto-Ligo (ĈEL), Shi Qiuqiu kaj Zhao Jianping, vicprezidantoj de ĈEL, Hu Xiaolin, direktoro de la Zaozhuang-a Universitato, kaj veteranaj e-istoj en Pekino.

Antaŭ kelkaj monatoj s-ro Sun Mingxiao, direktoro de la sekcio pri internaciaj aferoj de la Zaozhuang-a Universitato kaj prezidanto de la Zaozhuang-a Esperanto-Asocio, dissendis mesaĝojn surrete kaj alvokis, ke esperantistoj kontribuu librojn, poŝtmarkojn, presaĵojn, eldonaĵojn kaj aliajn memoraĵojn al la preparanta Internacia Esperanto-Muzeo.

Multaj donacis al la muzeo siajn konservaĵojn. S-ro Hou Zhiping, eksa vicprezidanto de El Popola Ĉinio, donacis al la muzeo pli ol 460 specojn da libroj, 40 Esperantajn revuojn inkluzive de tre valoraj libroj kaj eldonaĵoj, kiujn li kolektis en la pasintaj 50 jaroj. S-ro Laŭlum liveris al la muzeo du kompaktajn diskojn, kiuj enhavis la kompleton de la instrua filmo en Esperanto "Espero", krom tio li donacis ankaŭ la faman ĉinan novelon "Aŭtuno en Printempo" en la korea lingvo, li diris, ke ĝuste pro la pontlingvo Esperanto la novelo de la fama ĉina verkisto Bakin aperigis sian korean version, tiasence la libro kaj similaj materialoj estas konservendaj.

En la kunsido aliaj veteranaj esperantistoj alte taksis la projekton fondi la Internacian Esperanto-Muzeon de Zaozhuang-a Universitato, ili esperas, ke la muzeo vivos sub la klopodo de esperantistoj kaj ludos pozitivan rolon en la Esperanto-studado.

Chen Haosu, prezidanto de ĈEL, diris, ke la muzeo devas pozitive aktivi en protektado de la Esperanta kulturo, en heredado de la Esperanta civilizacio, en persistado en la Esperanta idealo kaj

en disvastigo de la Esperanta aplikado.

La Zaozhuang-a Universitato kaj la Zaozhuang-a Esperanto-Asocio kelkfoje okazigis Esperantajn renkontiĝojn, kaj ili konstante funkciigas Esperantajn kursojn. En la kunsido s-ro Hu Xiaolin, direktoro de la Zaozhuang-a Universitato, diris, ke la universitato planas havigi al si Esperanto-fakon por kulturi esperantistojn kun alta lingvonivelo. Pri la muzeo s-ro Sun Mingxiao diris, ke la muzeo havos areon de 800 kvadrataj metroj kaj inaŭguriĝos venontjare, ĝi estos parto de la komuna muzeo de la universitato. (Chen Ji)

## La 6a Jarkunveno de ĉinaj E-komercistoj

Chielismo 王天义 <chielismo@hotmail.com>

Hieraŭ mi revenis de la urbo Chansha 1469 km for de nia urbo Siano (Xi'an), inspektinte preparon de IKEF-Ĉina (Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo) 2012 – la 6a Jarkunveno de ĉinaj E-komercistoj, kiu okazos novembre 2012 en Chansha Profesia Altlernejo pri komerco kaj turismo, kie 176 gestudentoj lernas Esperanton kiel nedevigan lecionon per 30 lecionoj por 2 poentoj (laŭ ĉina eduksistemo studento diplomiĝas je 8 poentoj).

LKK (Chansha E-Asocio) kaj Hunan-provinca E-Asocio varme akceptis min kaj s-ron Zhao Chenghua, ĝenerala sekretario de Klubo de ĉinaj E-komercistoj. Ni ambaŭ inspektis la kunvenejon en la altlernejo, kaj ĉeestis la lecionon de Esperanto, ankaŭ kunsidis kun iam konita esperantisto, nun potenca komercisto s-ro JING J.G. kun hotelo, superbazaro, restoracio kaj kompanio, informante aktivadon de IKEF lastajn jarojn tra la mondo, kaj ankaŭ kunsidis kun lokaj esperantistoj por propagandi aranĝon de IKEF-Ĉina 2012 – la 6a Jarkunveno de ĉinaj E-komercistoj en Chansha. Chansha situas en orienta longitudo 111˚53'~114˚5' kaj norda latitudo 27˚51'~28˚40', estas ĉefurbo de Hunan-provinco, kie estas hejmloko de prezidanto Mao. Ĝi havas 7,040,000 loĝantojn.

Amike via, Chielismo Prezidantro de IKEF

Ret: chielismo@yahoo.com.cn
Retejo: www.ikef.org
"Komerco", la retlisto de IKEF (Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo, www.ikef.org) ĉe Google Groups.
http://groups.google.com/group/komerco/

# Majajzio

## Ok homoj partoprenis en UEA-KER-Ekzameno

Tsung Wah Ekslernanto-Asocio (Tsung Wah Old Students' Association) en Kuala-Kangsar en la ŝtato de Perak estas la unua loko de tutmonda skriba ekzemensesio 2012 de UEA-KER en Malajzio, eble ankaŭ la unua en ASOAN (ASEAN). La sesio okazis je 3 ptm la 9an de junio. Tie estis 10 kandidatoj kiuj registris por la ekzameno. Bedaŭrinde, du el la dek kandidatoj ne partoprenis la sesion, ĉar ili estis malsanaj.



La organizanto de la ekzamensesio, t.e, Tsung Wah Ekslernanto-Asocio plej multe subtenis nian agadon. La reprezentantoj de la organizo, kiuj venis por kuraĝigi la okazon, estis vic-prezidanto s-ino GUAN Feng-Zhu, komitatano LUO Di-Liang, s-ino TAN Xin-Lian kaj direktoro de la ĝenerala afero LOONG Soo-Pin

La JCI (Junior Chamber International) en Teluk-Intan en la ŝtato Perak komencis Esperantan kurson en aprilo por la membroj kaj aliaj homoj, kiuj ŝatas Esperanton. 10 lernantoj atendis la kurson kaj la gvidanto estas Sinjoro ENG.



Sinjoro ENG <saluton2010@gmail.com>

## Japanio

### La nova prezidanto de Japana Esperanto-Instituto

Sibayama, unu el la Komitatanoj de UEA el Japanio

La 10an de junio, en la domo de Japana Esperanto-Instituto (JEI) en Tokio, okazis Kunsido de la Konsilio, la plej supera decidorgano de JEI laŭ ties nova statuto. Ĝi nomis 11 estraranojn kaj 2 revizorojn por 2-jara mandato.

En la tuj-posta Estrara Kunsido, oni elektis s-ron SUZUKI Keiichiro kiel la Prezidanton de JEI, kaj sub li 3 vicprezidantojn, nome s-ron HORI Jasuo, s-ron INUMARU Fumio kaj s-ron SIBAYAMA Zyun'iti, kaj fiksis aliajn posten-dividojn.

* SUZUKI estis unu el la LKK-membroj okaze de la 92a UK en Jokohamo, 2007, kaj gvidis por-civitanan programon okaze de la UK.
* HORI estas sufiĉe konata internacie kiel eks-estrarano de UEA kaj verkanto de multaj libroj pri Japanio.
* INUMARU estas unu el la 2 Komitatanoj A de UA el Japanio.
* SIBAYAMA estis la ĵusa prezidanto de JEI ekde 1999 kaj estas unu el la aliaj Komitatanoj A.

## La 45an Esperanto-Seminarion karakterizis junuloj

Centre en Tokio, de la 3a ĝis la 5a de majo, okazis la 45a Esperanto-Seminario. Ĝin partoprenis 33 personoj, inkluzive du alilandanojn; unu estas s-ino Mireille (Mirejo) Grosjean el Svislando kiel unu el la klasogvidantoj kaj la alia estas rusa junulo loĝanta en Tokio.

Ĉi-foja seminariejo estas Azia Junulara Centro de YMCA, kaj fakte ok el la tuta partoprenantaro estas tiel nomataj junuloj (en siaj 20aj, 30aj kaj 40aj jaroj). Tiu fakto ĝojigis nin organizantojn, ĉar la lastajn kelkajn jarojn partoprenis nian seminarion ĉefe mezaĝuloj. Tio kompreneble ne estas malbona afero, sed por la estonto de nia movado ni jam de longe atendadas partoprenon de junuloj. Kaj ilia ĉeesto certe karakterizis ĉijaran seminarion.

**Klasoj**

Ni aranĝis kvar klasojn. S-ro Kinugasa Hiroŝi gvidis la klason “Ni voĉlegu imagriĉe”, kaj kvin klasaninoj, kaj fizike moviĝante kaj laŭte voĉlegante, ĝuis la lecionon. En la klaso “Lude paroligaj ekzercoj”, kiun gvidis s-ro Kitagaŭa Hisaŝi, ĉeestis ses personoj, el kiuj kvar estis junuloj. Tre bone preparitaj lernomaterialoj donis al

la klasanoj novtipajn lecionojn kaj tion ili tre ŝatis.

"Paroliga kurso de Mirejo" altiris entute 11 personojn. Ŝia energiplena parolo ĉiam donis bonan streĉon al la klasanoj, kaj per diversaj paroltemoj ŝi gvidis la lecionon. Supera "Memstara Klaso" okazis kun la ĉeesto de ok personoj. La diskuttemoj de la klaso variis spegulante karierojn de la klasanoj, kaj la diskutnivelo estis alta.




**Ekzamenoj kaj fakkunsido**

Okazis la ekzameno de JEI kaj Nova Testo, kaj ekzameniĝis entute tri junuloj.

En la unua parto de la fakkunsido prelegis Mirejo kun la titolo "Svisoj kaj atomcentralo". La temo multe interesis nin, ĉar la prelego okazis la 4an; la sekvantan tagon la nombro de funkciantaj atomcentraloj en Japanio fariĝis nulo! Sed pli interesa fakto estas, ke en Svislando bone garantiatas demokratia proceduro por decidi ion. La temo de la dua parto estis KER-ekzameno okazonta tutmonde la 9an de junio.

**Gaja Vespero**

Junaj s-ro Muramatsu Shinya kaj s-ino Kinosita Mayumi bone gvidis la vesperon, kaj ankaŭ aliaj junuloj aktive kunagis, kio rezulte donis al ĉiuj bonan kaj ĝojan senton.

IŜIKŬA Tieko

# La 61a Kantoo-Esperanto-Kongreso finiĝis sukcesege

La 16an kaj 17an de junio okazis Kantoo-Esperanto-Kongreso en la fama varmfontejo Hakone. Aliĝis entute 130 homoj, el kiuj efektive partoprenis 57 homoj. 40 homoj tranoktis en la kongreseja hotelo.

La 16an antaŭtagmeze okazis ĝenerala kunsido de la ligo. Je la 14:00 okazis la inaŭguro kaj poste prelego de Bharat Ghimire el Nepalo. Li estas la ĉefa motoro de la nepala movado. Li parolis pri Nepalo, rilate al Tibor Sekelj, kiu restis en Nepalo en la 1950-aj jaroj, kiam Nepalo ankoraŭ estis fermita al la mondo.

Vespere okazis Bankedo kaj poste Paradizo, en kiuj kelkaj esperantistoj montris sian talenton kaj multe amuzis la ĉeestantojn.

La 17an okazis "Konkurso de Tri-minutaj paroladoj" en kiu 6 homoj parolis. Juĝantoj estis aŭskultantoj, tial ĉiuj tre atente aŭskultis iliajn paroladojn. S-ino HORI Tamae akiris la unuan premion, parolinte pri "Esperanto-sumoo", en kiu ŝi partoprenadis.

Poste okazis 8 kunsidoj: Kantoj, Taiĵiĉuan, Medicinistoj/sciencistoj, Paroli kun Bharat, Sciencisto Taketani Micuo, Kio estis la vjetnama milito, Odaŭara, Historieto de Odaŭara Esperanto-klubo.

Post tagmanĝo okazis Fermo, en kiu unue ges-roj Iŭaja prezentis mandolinajn kantojn, kaj due korusanoj prezentis tri kantojn, kaj fine ĉiuj kantis "Tagiĝo" kaj finiĝis la kongreso. Sed fakte ne, ĉar poste 20 homoj vizitis la kastelon Odaŭara kun la ĉiĉeronado de s-ro Takasugi kaj s-ino Oki.

Vere sukcesa kongreso! Tion atestas la mesaĝo de s-ro Tanigaŭa

Hiroŝi: “La kongreso estis vere fruktoplena. Mi estis kontenta pri la prelego de Bharat Ghimire. Paradizo estis senprecedence plena de miroj kaj ridegoj. Mi ĉeestis la kunsidon de Taketani Micuo. S-ro Aiba prelegis tre profunde pri tiu granda sciencisto, esperantisto. Tri-minutaj paroladoj estis tre kontentigaj. Ĉiuj tre bone preparis sin. En la Fermo mi ĝuis la koncerton de ges-roj Iŭaja kaj la koruson. Ĉio tre ĉarmis nin. Ankaŭ la memoraĵo de la kongreso “Raportoj el Japanio” surprizis min pro ĝia dikeco kaj riĉa enhavo. Koran dankon!

Hori Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp




## Projekto propagandi Esperanton al 1500 homoj

Gunma-Esperanto-Societo (situanta 100 kilometrojn nordokcidente de Tokio) projektis propagandi Esperanton al 1500 homoj, okaze de la 125-jariĝo de Esperanto. Komence la societo decidis propagandi al 125 homoj, sed du instruistoj en la klubo multe parolis pri Esperanto en siaj klasoj, sekve ĝi facile atingis la celon, kaj ĝi pli kaj pli altigis la celnombron ĝis 1500. Tamen jam la nombro atingis 1397, do ĝi devos plialtigi la celnombron. La societo deziras, ke multaj kluboj sekvu ĝin por la progreso de nia movado.

HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp

## Indonezio

# Novaĵoj pri la indonezia movado: UK/IJK, tria bulteno, Indonezia E-kongreso!

Jen tri bonaj novaĵoj rilate al la Esperanto-movado en Indonezio:
1) Aperis la tria numero de la bulteno Esperanto en Indonezio, kies elektronika versio troviĝas ĉi tie:
http://sites.google.com/site/esperantoenindonezio/bulteno

Tiuj, kiuj subtenis la aperon de la bulteno aŭ alimaniere apogis la indonezian E-movadon, povas ricevi paperan version, petante ĉe redakcio-ideo@googlegroups.com. Parto de la subteno estas uzata por sendi bultenojn al Indonezio, kie ili povas utili kiel varbmaterialo. Tial parto de la artikoloj estas en la nacia lingvo.
2) Aliĝis 14 indonezianoj al la ĉi-jara Universala Kongreso el kiuj ses iros ankaŭ al IJK, danke al pluraj malavaraj donacintoj. Tiu alta nombro de indoneziaj kongresanoj estas unuafojaĵo en la historio de la Universalaj Kongresoj. Ni esperas ke ilia partopreno helpos al plia kresko de la movado en Indonezio. Multan dankon al la donacintoj kaj donacontoj!
3) Fiksiĝis la datoj de la unua Indonezia Esperanto-kongreso: 19a-22a de aprilo 2013. Jam notu en vian agendon. La indonezianoj bonvenigas ankaŭ eksterlandanojn al sia kongreso! Por pliaj informoj bv. rigardi:
http://sites.google.com/site/esperantoenindonezio/kongreso. Se vi interesiĝas pri eventuala antaŭ- aŭ/kaj postkongresa ekskurso, bv. sciigi al redakcio-ideo@googlegroups.com sufiĉe frue, por ke ni havu ideon pri la bezonoj tiurilate.

Amike, Heidi Goes <heidi.en.esperantujo@gmail.com>

# Israelo

## Sukcesege finiĝis la 13-a Israela Kongreso

La 13-a Israela Esperanto-Kongreso okazis tre sukcese dum la semajnfino. Koran dankon al ĉiuj gratulintoj. 250 fotoj videblas en la retejo https://picasaweb.google.com/amri.nivut/IK2012 .

En la antikva-moderna urbo Bet Shean (Skithopolis) kolektiĝis rekorda nombro de pli ol 60 partoprenantoj, inter ili 8 ekstelandanoj el 5 landoj. Pluraj familianoj eklernis E-on dum la kongreso. La arta programo konsistis el du koncertoj de la bardoj JOMO kaj Bronŝtejn, kiuj entuziasme kaj dancigis la kongresanojn.

Dum la unua vespero okazis nokta lum-sona spektaklo en la impona arkeologia parko. La sekvan tagon ni vizitis la kibucon Sde Elijahu, monda pioniro de organika agrikulturo, kaj la kruc-militistan fortikaĵon Belvoire (" Jordana Stelo") 500m super la Jordanvalo. En la lasta tago ni vizitis la aŭstralian bestĝardenon GanGuru kaj la basenan parkon "Sahne" kie multaj banis sin en la freŝa fonto-akvo, aliaj preferis la naĝbasenon de la kongresejo. La kleriga programo inkluzivis prelegojn de Mikaelo Bronŝtejn (pri siaj novaj verkoj kaj pri la polus-cirkla rusa minej-urbo Vorkuta) kaj prelegon pri la alia poluso, nome vojaĝo al Antarktio de Dieter Kleeman. Gian Piero Savio prezentis sian E-kurson por lernejoj kaj la hebrean version de "La Universala Lingvo". Amri resumis la kongreson per foto-prezentado kaj Nava gvidis la tradician ferman diskuton. Jam komenciĝis la tradicia postkongreso - tutsemajna vojaĝo tra Israelo, kiun ĉi-jare partoprenas ses eksterlandanoj. Venontjare la 14-a Israela Kongreso okazos koincide kun la 7-a Azia kongreso en Jerusalemo, de 18-22.4.2013.

Amri Wandel <amri@huji.ac.il>

Post la Israela Kongreso en Bet Shean (10-12.5) ses eksterlandaj kongresanoj partoprenis la jam tradician postkongreson tra la lando. Dum ok tagoj la gastoj spektis la plej belajn turismajn lokojn en Israelo. Dimanĉe kaj lunde ili vizitadis Tiberion, Nazareton, Hajfa

kaj Ako, akompanataj de Jehoshua kaj Jinon. Dum la cetera tempo (15-20.5) ili vizitis Jerusalemon, la Mortan Maron, Masada kaj Eilat, ĉiĉeronataj de Amri. Cento da fotoj videblas ĉe https://picasaweb.google.com/amri.nivut/IsraelaPostkongreso

## 136 homoj el 22 landoj legis pli ol 13000 paĝoj dum la 16a Internacia Esperanto-Sumoo

HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp

La 16a Internacia Esperanto-Sumoo okazis de la 6a ĝis la 20a de majo 2012, nome dum du semajnoj.

Sumoo estas japana tradicia lukto-arto kaj okazas ses 15-tagaj konkursoj en neparaj monatoj. En nia Esperanto-Sumoo, paralele kun tiu vera konkurso, partoprenantoj legadas Esperanto-librojn, decidinte la libron kaj la kvanton da paĝoj, kiujn ili legos dum la du semajnoj. Se ili sukcesas legi pli ol tiu promesita kvanto, ili akiros unu venkon, kaj tiamaniere ili legadas por akiri 15 venkojn. Do dum la sumoo ili ne batalas kontraŭ aliaj luktistoj, sed batalas kontraŭ sia maldiligenteco. La plej granda merito de tiu sumoo estas, ke komencantoj kaj veteranoj egale luktas. Komencantoj rajtas elekti facilan libron kaj kvanteton da paĝoj, kaj povas akiri unu venkon, dum veteranoj elektas malfacilan kaj kvantegon, tamen ili akiros same unu venkon.

En tiu ĉi 16a Internacia Esperanto-Sumoo partoprenis 146 homoj el 22 landoj: 48 japanoj, 25 usonanoj, 18 francoj, 9 poloj, 8 koreoj, 6 danoj kaj finnoj ktp. Ĉi-foja menciinda afero estas, ke el Usono partoprenis 20 lernantoj (17-18-jaraj), kiuj lernas sub la gvido de Acebono. Ili legis “Karlo”-n kun tre bona rezulto.

Dum la du semajnoj la partoprenantoj legis pli ol 13000 paĝoj. Se ne okazus tiu sumoo, certe ili legus entute nur 100 paĝojn. Dank’ al tiu sumoo dormantaj libroj vekiĝis kaj iuj libroj vendiĝis, kaj tiamaniere la sumoo kontribuas al

1. altigo de la nivelo de esperantistoj
2. plimultigo de libro-vendado

3. plifortigo de solidareco inter la partoprenantoj
4. kaj fine progresigo de Esperanto-movado.

Jen estas kelkaj opinioj de la partoprenintoj:
1. Mi estas kontenta, ĉar mi legis po 1 fablo tage....kiel mi anoncis ! Kiam mi estis lernantino, mi lernis kelkajn el ili.....sed mi malkovris kelkajn fablojn, kiujn mi tute ne konis....
2. Dank'al Cezaro Rossetti, kiu verkis "Kredu min, sinjorino!", mi finfine legis 160 paĝojn dum la lukto. Nun mi grandplezure finos la legadon de tiu ĉi libro, en kiu per multaj amuzaj rakontoj la aŭtoro priskribas sian propran vivon kiel "bazarulo", t.e. eksponisto en foiroj, dum la ekonomia krizo antaŭ la dua mondmilito. Dankon al ĉiuj, kiuj prizorgas la Esperanto-Sumoo kaj ĝis la julia lukto.
3. Salutataj estu kunorganizantoj de maj-Festivala Sumoo-legado. Karaj Inspirantoj al konstanta legado de la verda literaturo. Konsekvenca kampanjo por la librolegado rajtas esti laŭre kronita kaj eksponita tutmonde. Verda gloro al la kunorganizantoj.
4. La ludo estas granda plezuro. Povas okazi kelkfoje, ke malfacilas trovi la tempon legi, sed senĉese, sen deflankiĝante, mi plu legis ĉiutage la libron "Princo ĉe la hunoj". Tiun dikan libron mi ne kapablus legi, sed dank' al via motivigo, mi jam legis la du trionojn kaj restas iom pli ol du cent paĝoj, kiujn mi legos venontsumoe. Dankon al vi.
5. Mi ĝojis kaj ĝojas por ankoraŭ kelkaj paĝoj legi tiun romanon. Finfine mi legis averaĝe 9 paĝojn ĉiun tagon anstataŭ 5. Mi ĝojas, ke mi kapablas legi Esperantan libron post nur tri jaroj de Esperanta lernado. Mia japana korespondantino instigis min partopreni la sumoo-luktadon.

Vizitu nian TTT-ejon por pli detale scii, kio estas nia sumoo: http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html

* Ekde la 1a de julio ĝis la 15a okazas la julia sumoo. La septembra sumoo okazos ekde la 1a de septembro.

## Nekrologo

### Forpasis s-ro MIZUNO Yoshiaki

La prezidanto de Kantoo-Esperanto-Ligo (Japanio) s-ro MIZUNO Yoshiaki 80-jara, kiu estis en hospitalo ekde la komenco de majo, mortis la 17an de junio, kiam ni ĝuis la kongreson. Li estis profesoro de la angla lingvo en la universitato Meiĵi en Tokio kaj fariĝis la prezidanto de Kantoo-Esperanto-Ligo en 1987, do li jam ludis tiun rolon dum 25 jaroj.

Li verkis kaj tradukis multajn librojn. Li tradukis librojn "Vivo de Zamenhof" de Privat, "Zamenhof, creator of Esperanto" de M. Boulton kaj "Lidia, La vivo de Lidia Zamenhof, Filino de Esperanto" de Wendy Heller kaj kelkajn librojn temantajn pri lingvo Esperanto, kaj verkis tri librojn "Vojaĝoj en Esperantujo 1-3". Tiuj lastaj tri libroj temas pri liaj vojaĝoj pere de esperantistoj kaj Pasporta Servo en Orienta Eŭropo, Okcidenta Eŭropo kaj Mez- kaj Sud-Ameriko. Certe multaj uzas Esperanto-reton, sed li uzis ĝin plej grandskale kaj montris al la publiko la veran utilecon de Esperanto.

La 24an okazis funebra ceremonio por li en lia urbo Tokorozaŭa en la gubernio Saitama. Multaj partoprenis kaj rememoris lin. Lia forpaso estas granda bato por la movado ne nur en la regiono Kantoo sed ankaŭ en la tuta Japanio. (HORI Jasuo)

## Paĝoj de KAEM

### Projektoj de KAEM

**Projekto A: Azia Kongreso**

A-1: Okazigi Azian Kongreson ĉiun duan jaron.

A-2: Partoprenigi necesajn homojn en Azian Kongreson, kiuj ne pagipovas la kotizojn ktp., per la subvencio el Fondaĵo Azio de UEA.

**Projekto B: Kunlaboro**

B-1: Regule kunveni en ĉiu Universala Kongreso kaj Azia Kongreso.

B-2: Organizi fakkunsidojn pri Azio dum Universala Kongreso.
B-3: Eldoni "Esperanto en Azio"-n en januaro, aprilo, julio kaj oktobro ĉiun jaron kaj sendi tiujn al pli multaj homoj en la tuta Azio.
B-4: Kolekti mondonacon al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio". Laŭlandaj tarifoj po unu homo estu jenaj aŭ pli:
Japanoj・Israelanoj: 20 eŭroj, Koreoj: 10 eŭroj,
Ĉinoj: 5 eŭroj, Alilaj azianoj: 2 eŭroj
B-5: Kolekti informojn pri movadoj diverslandaj por ke esperantistoj povu reciproke kunlabori por la azia movado.
B-6: Eldoni "Jarlibron de KAEM" ĉiun jaron.
B-7: Subteni projekton "Ĝemelaj Urboj" kaj helpi ĝemeliĝojn inter urboj kaj E-kluboj.

**Projekto C: Rilate al UEA kaj ILEI**
C-1: Aligi ne-aliĝintajn landajn asociojn al UEA.
C-2: Membrigi aziajn aktivulojn al UEA per Fondaĵo Azio de UEA. Ili ricevos ĝian organon "Esperanto" ĉiun monaton. (Vidu la detalan regularon).
C-3: Membrigi junajn Esperantistojn en Azio al ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj). Ili regule ricevos "Juna amiko"-n.
*"Juna amiko" eldoniĝas 3-foje jare. Tarifo estu 3 eŭroj laŭ tiu ĉi aranĝo (kompare kun plena tarifo de 12 eŭroj).
C-4: Subvencii al la partoprenontoj de UK aŭ ILEI-konferenco pri kotizo aŭ vojaĝkosto laŭ bezono.

**Projekto Ĉ: Edukado**
Ĉ-1: Sendi Esperanto-instruistojn al bezonataj landoj (Vidu la detalan regularon).
Ĉ-2: Starigi TTT-ejon por instrui Esperanton en aziaj lingvoj.

**Projekto D: Esperanto-libroj** (Vidu la detalan regularon)
D-1: Eldoni necesajn librojn.
D-2: Subvencii pri eldonoj de necesaj libroj.
D-3: Peri transdonon de libroj de donacantoj al kluboj, asocioj ks. Pagi sendkoston por tio.
D-4: Aĉeti Esperanto-lernolibrojn, vortarojn ktp. al kluboj, asocioj.

# Esperanto-eventoj ===

**2012**

**3.1 ~ 6 / La 1a Sud-Azia Seminario** / Katmando, Nepalo
**5.10 ~ 12 / La 13a Israela Kongreso** / Bet Ŝean (Skitopolis), Israelo
**6.16 ~ 17 / La 61a Kantoo-Esperanto-Kongreso** / Hakone, Japanio
**6.23 ~ 24 / La 60a Kansaja Esperanto-Kongreso** / Osako, Japanio
**7.20 ~26 La 45a ILEI-konferenco** / Kunming, Ĉinio
**7.28 ~ 8.4 / La 97a Universala Kongreso de Esperanto** / Hanojo, Vjetnamio
**8.5 ~ 8.11 / La 68a Internacia Junulara Kongreso** / Hanojo, Vjetnamio
**Somere / La 7a Esperanto-Kongreso de Nordoriento kaj Interna Mongolio de Ĉinio** / Changchun, Ĉinio
**10.6~8 / La 99a Japana Esperanto-Kongreso** / Sapporo, Hokajdo, Japanio
**10.27~28 / La 44a Korea Kongreso de Esperanto** / Gwangju, Koreio

**2013**

**4. 18 ~ 22 La 7a Azia Esperanto-Kongreso** / Jerusalem, Israelo
**4. 19 ~ 22 La 1a Indonezia Esperanto-kongreso**

### KAEM-anoj

1. Koreio: S-ro PARK Yong-sung esabpark@korea.com>
2. Vjetnamio: S-ro Hoang Ngoc Boi <amarateo@gmail.com> <boihn.gm@vietsov.com.vn>
3. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang <wrxzj@tom.com>
4. Barato: s-ro Ranganayakulu <ranganayakulu@gmail.com>
5. Japanio: s-ro SASAKI Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp> (Prezidanto)
6. Pakistano: S-ro Muhammad Zubair <zurnab_pk@yahoo.co.in>
7. Irano: s-ro Reza TORABI <torabireza@gmail.com>
8. Nepalo: S-ro Mukunda Raj Pathik <mpathik@gmail.com>
9. Taĝikio: S-ro Fajzullaev Ĝamŝid <fajzullaev@yandex.ru>
10. Israelo: s-ino Esther SEBBAN <esti33333@hotmail.com>
11. Mongolio : S-ro Chimedtseren Enkhee <enchjo@yahoo.com>

**Honoraj prezidantoj** (eksaj prezidantoj)**:**
Puramo CHONG (Koreio, 1998-2000)
HORI Jasuo (Japanio, 2001-2008)
LEE Jungkee (Koreio, 2008-2010)

**Kunlaborantoj de KAEM**
Japanio: s-ro HORI Jasuo (redaktado de "Esperanto en Azio")
s-ino TAHIRA Masako (provlegado)
s-ro ISINO Yosio (presado kaj ekspedo)

## Parolas la redaktoro:

Fine de julio mankis artikoloj, sed tiam venis artikoloj el Vjetnamio temantaj pri la UK en Hanojo. Mi unuan fojon decidis prokrasti la eldonon, sed mi nuligis tiun decidon kaj haste eldonis tiun ĉi numeron.

La kvanto de tiu ĉi nemero estas iom malgranda ol la kutimaj numeroj, sed mi estas certa, ke ĝi kontentigos la legantojn.

Azio estas centro de la movado. Ni senlace semu kaj semu por ke ni havu gloran estontecon.

Fartu bone dum varma somero.

**Esperanto en Azio**
Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
telefono: +81-3-3203-4581 fakso:+81-3-3203-4582
retpoŝto: <esperanto@jei.or.jp>
TTT-ejo de KAEM: <http://www.kaem.org/>
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0825 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ootone-maĉi 2-13-3